# ESPERANTO EN UNIVERSITATOJ



Dum la lastaj jaroj pli disvastiĝis la fenomeno de la Esperantaj familioj, kie la Internacia Lingvo estas denaske parolata de la infanoj (vidu ekzemple la diskutejon DENASK-L[1] kaj la tradiciajn eventojn, kiaj REF[2] kaj IIK[3]).
Samtempe oni klopodas pli firme instali la lingvon en la lernejoj per apartaj programoj, kiaj ***Projekto InterKulturo***[4], ***Eŭroskola***[5], ***Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo***[6], ktp. Sed en la nuna mondo, kie ĉiam pli rimarkiĝas la modelo de "dumviva lernado" oni ne povas preteratenti la rolon de Esperanto en la universitatoj, kie elbakiĝas ne nur la sociestroj sed ankaŭ kreskantaj onoj da meztavolaj civitanoj.

Kion signifas la esprimaĵo "ESPERANTO EN LA UNIVERSITATOJ"?
– Ĉu tio estas: elemente lerni la lingvon en baza universitata kurso aŭ en studenta klubo?
– Ĉu perfektiĝi universitatnivele pri la esperantologiaj studoj el lingvo-scienca, literatura kaj socipolitika vidpunktoj?
– Ĉu ke universitataj esploristoj analizas la Internaci-Lingvan problemaron en siaj simpozioj, konferencoj kaj internaciaj studprogramoj?
– Aŭ ĉu tio signifas ke en pedagogiaj altlernejoj oni ellaboras kaj aplikas modelojn kaj teknologiojn de lingvoinstruado por la trejnado de la novaj Esperanto-instruistoj?
– Aŭ ke studentoj lernas per E-o siajn diversajn studobjektojn (Komputiko, Kompara Literaturo, Geografio, Medicino, ktp.)?

---

[1] *http://www.helsinki.fi/~jslindst/denask-l.html*
[2] *http://familioj.komputilo.org/ref2005.html*
[3] *http://uea.org/kongresoj/arkivaj_informoj.html#iik*
[4] *http://www.interkulturo.net/, kaj http://il.uniroma3.it/kler/index.htm*
[5] *http://e.euroscola.free.fr/, http://uk.groups.yahoo.com/group/e-euroscola/*
[6] *http://www.ilei.info/ipr/usona_jarraporto_2002.htm*

"ESPERANTO EN LA UNIVERSITATOJ" signifas ĉion tion, kaj ĉiuj tiuj ĉuoj almenaŭ iom (eĉ se diversgrade) estas realigataj aŭ realigotaj.

Laŭ enketoj faritaj dum la lastaj jaroj (v. ekzemple *G. Pirlot*[7]) bazaj kaj progresigaj E-kursoj okazas en pluraj Eŭropaj universitatoj (Hispanujo, Belgujo, Nederlando, Germanujo, Italujo, Svedujo, Pollando, Ĉeĥujo, Slovakujo, Aŭstrujo, Litovujo, Rusujo, kaj Bulgarujo); en Azio (Ĉinujo [kun 19 universitatoj!], Japanujo, Koreujo, Israelo, Uzbekujo) kaj en Ameriko (Usono, Brazilo, Meksiko, Kostariko). Sume temas pri ĉ. 70-o da universitataj institucioj en 20-o da landoj. En la menciita listo troviĝas krom kursoj elementaj ankaŭ tiuj por postaj progresigaj ŝtupoj, kun pli aŭ malpli ambiciaj lernoceloj, ampleksaj programoj kaj daŭroj (eĉ plursemestraj aŭ plurjaraj), kaj kun diverstipa oficiala agnosko. Temas pri informoj, kiuj meritas ne nuran kvantigon, sed kvalitan objektivan analizon, pritakson kaj diskonigon.
Krome emfazindas tiuj internaciaj universitatnivelaj instruejoj, kie oni celas la perfektigon de niaj lingvaj fakuloj kaj la trejnadon de niaj instruistoj.

Tiukadre elstaras:
– la *Interlingvistikaj Studoj* ĉe la Universitato Adam Mickiewicz en Poznan (Pollando)[8];
– *NASK* (la *Nord-Amerika Somera Kursaro de Esperanto*) en Usono[9];
– la *Esperanto-Fako* de la Lingvistika Katedro en la Budapeŝta Universitato "Eötvös Loránd" (Hungarujo)[10];
kaj supozeble aliaj malpli konataj (tamen konigindaj) sistemoj en aliaj mondopartoj[11].

Esperantologiaj kaj interlingvikaj sciencaj esploroj ja okazadas multloke, kaj ties videblaj fruktoj estas la prelegoj, kiuj prezentatas en publikaj simpozioj – kiaj tiuj ĉiam pli ofte okazantaj lige kun la Universalaj

---

[7] *http://www.uea.org/agadoj/instruado/pirlot.html*
[8] *http://www.staff.amu.edu.pl/~interl/*
[9] *http://esperanto.org/nask/progovereu.php*
[10] *http://www.geocities.com/bujdosoivan/bujdoso.htm*
[11] *Ĝenerale pri la instruado de E-o en la universitatoj oni povas utile relegi ankaŭ la artikolon de Ilona Koutny en IPR aŭ en la Reto [en www.ikso.net/ilei/ipr/universitata_instruado.htm*]

Kongresoj (ekzemple la *Nitobe-Simpozioj*[12]) – kaj la skribaj eseoj eldonataj libre aŭ Interrete. Aparte esplorinda subkampo estas tiu de doktoraj aŭ magistraj disertaĵoj, kiuj verkatas en multaj landoj, kvankam ili plej ofte ne vere publikiĝas. Kompletaj informoj pri tiaj eventoj kaj eldonaĵoj legeblas en la valora periodaĵo *IpI* (*Informilo por Interlingvistoj*[13] kompetente redaktata fare de *Detlev Blanke* en Berlino, kadre de *CED* (*Centro de Esploro kaj Dokumentado*) de UEA.[14]

Fine – en ĉi tiu mallonga panoramo – menciindas la universitat-nivelaj studoj farataj *per* Esperanto, kie nia lingvo jam iel konata de la studentoj kaj profesoroj estas aplikata en lernado de diversaj fakoj. Nuntempe la plej rimarkinda ekzemplo de tio estas la aranĝoj de AIS (*Akademio Internacia de la Sciencoj*[15]). La Akademio ne nur laboras en Sanmarina Respubliko, sed ankaŭ kunligas plurajn katedrojn de landaj universitatoj (Rumanujo, Slovakujo, Bulgarujo, Rusujo), kie oni lernas loke aŭ perrete. Alia ekzemplo de peresperanta altlerneja lernado estas la *Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo en Bidgoŝĉ* (Pollando).[16]

Kvankam ILEI dum la lastaj jardekoj okupiĝis precipe pri la bazlerneja (kaj eksterlerneja) agado de siaj membroj, nun venis la tempo ekflegi *ankaŭ* la superan instruadon per diversspecaj iniciatoj. Ni komencu per la jenaj:

a) kompletigo, aktualigo kaj publikigo de informoj pri la ĉi-kampaj ekzistaĵoj;
b) speciala kolektado de datumoj kaj tekstoj de universitataj disertaĵoj (pri- kaj per-esperantaj);
c) kunordigo kaj subteno de la agado de la E-parolantaj universitatuloj en siaj agadoj (studado, prelegado, instruado).

Tio estas konsiderinda laboro, kiun ni en la centra estraro povas realigi nur se ni trovas la kunlaboron de Landaj Sekcioj kaj de la unuopaj anoj. Se vi havas tiudirektajn proponojn, bonvolu kontakti min, kiu strebos regule informi vin pri la rezultoj en tiu tereno.

*Maŭro La Torre*

---

12 *http://www.esperanto.lt/board/zboard.php?id=uk_aktuale&no=77*
13 *http://esperantic.org/ced/ipi.htm*
14 *http://esperantic.org/ced/*
15 *http://www.ais-sanmarino.org/*
16 *http://www.esperanto-turismo.com/*

**Nina Daniljuk**

# Lingvokultura leksiko
## en la instruado de denaskaj kaj fremdaj lingvoj

English summary: *The article is devoted to the problem of selection of words with cultural and national connotation in modern languages. The investigation and study of cultural nomination are important for the cultural language education of a personality. For this purpose professors of Volyn State University have compiled a country study dictionary "Ukraine in words"*[17] *for school and gymnasium students.*

En la instruado de iu ajn lingvo oni bezonas koni bazan, fundamentan leksikon. Nuntempa edukita persono por sukcese komuniki devas scii pli ol 20-30 miloj da vortoj. Sciencistoj-fonologoj diras, ke en la vortostoko de bone evoluinta lingvo funkcias proksimume 300 miloj da vortoj. Do, ni elspezas nur dekonon de la vorta trezoro.
Tre gravan parton de la vorta konsisto de ĉiuj lingvoj formas la lingvokultura leksiko. Tio ĉi estas vortoj, kiuj estas semantike (laŭ senco) kunigitaj kun la kulturo de la popolo. Kiam ni diras "kulturon", ni komprenas ĝin en vasta senco kiel tutaĵo de materialaj kaj spiritaj atingoj, kiuj montras la nivelon de la evoluo de iu societo, homaro aŭ homo. La leksiko, kiu povas prezenti iun kulturon, dume ne havas unuigitan nomon. En scienca literaturo ĝi nomiĝas: lingvokultura, kulturologia, etnokultura, stereotipa, fona, senekvivalenta, simbola k.t.p. (rigardu laborojn de *A. Wierzbicka, Z. Kaleta, J. Vereŝĉagin, V. Kostomarov, A. Bragina, G. Tomaĥin, L. Mullagalijeva, R. Zorivĉak, L. Djaĉenko, M. Ŝevĉenko, O. Simoviĉ, O. Levĉenko, V. Kononenko k.a.*)[18].
La vortojn, kiuj havas nacian kaj kulturan konotacion (kromnuancon, kromsignifon), oni nomas lingvokulturaj etnospecifaĵoj, lingvostereotipoj, simboloj, realioj, signoj de la kulturo k.t.p. La lingvokulturaj etnospecifaĵoj estas nomoj de naciaj manĝaĵoj, trinkaĵoj, vestoj, dancoj, kantoj, muzikaj

---

[17] *Ukrainio en vortoj / N. Daniljuk k.a., Kijivo, 2004.*

[18] *Wierzbicka A. Cross-cultural pragmatics: The semantics of human interaction. Berlin: Mouton de Gruyter, 1991; Wierzbicka A. Semantic, culture and cognifigration, New York: Oxford University Press, 1992; Kaleta Z. The surname as a cultural value and ethnic heritage. Warszawa, 1997 k.a.*

instrumentoj, laborinstrumentoj, tradiciaj ŝatokupoj, mono, politikaj kaj ekonomiaj organizaĵoj, kulturaj, sciencaj, edukaj instancoj, tradiciaj festoj k.a.
Estas tre grave, de unu flanko, ke kulturologian leksikon konu ĉiuj personoj, kiuj lernas la lingvon de infaneco kiel denaskan. Ekzistas bona esprimo, ke la lingvon oni ekposedas kun la patrina lakto. Sed pere de la lingvo oni ekposedas ankaŭ la kulturon, tradiciojn de la popolo. De dua flanko, estas tre bezonate scii lingvokulturajn etnospecifaĵojn ankaŭ por tiuj, kiuj studas fremdajn lingvojn, ĉar necesas kompreni aliajn popolkulturojn.
Etnolingvistikan leksikon ni povas dividi en 2 partojn:
1) la vortoj, kiuj ne havas ekvivalentojn en alia lingvo kaj kulturo (ekz., *kimono* kiel nacia vestaĵo en japana lingvo, *pico* – en itala, *jurto* – en la lingvoj de nordaj popoloj k.t.p.);
2) vortoj, kiuj havas ekvivalentojn, sed diferencas per semantika strukturo (ekz., *betulo* en rusa lingvo estas ne nur arbo kun blanka trunko, sed simbolo de bela knabino kaj Rusio kiel lando; *bovo* estas kutima besto por multaj, sed por hispanoj estas simbolo de la *korido* (taŭrobatalo); *kriketo* estas konata por ĉiuj pilkludo, sed por britoj ĝi estas ekskluziva (oni diras, ke en Britio la matĉo povas komenciĝi sabate kaj finiĝi sekvasemajne sabate k.t.p.).



*Surfote: Nina Daniljuk prelegas dum la Bratislava Konferenco de ILEI*

Mi volas konatigi Vin kun kelkaj lingvokulturaj etnospecifaĵoj, tre valoraj por ukrainoj. Do, la vorto libero estas tre grava, ĉar Ukrainio dum longa tempo ne estis sendependa, ĝiaj plej bonaj gefiloj batalis por libero kaj nur en la jaro 1991-a ĝi fariĝis sendependa lando. En ukraina lingvo vortoj libero kaj sorto formas rimon: *volja – dolja*, kiu signifas, ke sen libero ukrainoj ne imagas sian estontan sorton. Inter alie, ukrainoj kredas, ke oni ricevas la sorton, kiam oni naskiĝas, tamen ĝi ne estas kiel fatalo, sed dependas de Dio kaj de la persono.

Tre signifa en ukraina lingvo estas la vorto *amo*, ĉar fakte estas 2 vortoj, kiuj estas diverse uzataj. La vorto *amo* (ukr. ljubov) estas pli vasta en la senco, ĉar eblas ami kaj personon, kaj beston, kaj laboron kaj objekton. La *amo* (ukr. koĥannja) apartenas nur al amata viro aŭ virino kaj signalas spiritaniman amon kiel plej altgradan senton (kiu ne ekskluzivas ankaŭ fizikan).

Kiel signoj de la ukraina kulturo estas uzataj vortoj: *pano* (ukr. hlib) – estas simbolo de riĉeco, gastemo, feliĉo; bele ornamitan panon ukrainoj donas al gastoj, preparas por edziĝfestoj, Pasko, naskiĝtagoj, por malproksima vojo; *barĉo* (ukr. borŝĉ) – supo, kuirita el ruĝa beto, brasiko kaj aliaj pli ol 20 komponantoj; *kudrita bluzo* aŭ *ĉemizo* (ukr. viŝivanka) - parto de nacia kostumo; *brodita viŝilo* (ukr. viŝitij ruŝnik) – memfarita ornamaĵo el blanka brodita teksaĵo por la loĝejo, ankaŭ havas funkcion de gardanta talismano k.t.p.

Kiel simbolo oni perceptas la vorton *viburno* (ukr. kalina). Tiu-ĉi arbusto kreskas apud preskaŭ ĉiuj domoj. Oni uzas ĝiajn berojn por kuraci, ornami loĝejojn, prepari specialan drinkaĵon. Per beraroj kun vinkoj ukrainanoj ornamas edziĝfestan panon kaj la arbojn. Do, ĝi estas la simbolo de juneco, amo kaj virgeco. La arbusto povas kreski en tombejo kaj ĉi-okaze ĝi fariĝas la signo de tristo kaj memoro. Krome, viburno en nuntempa kulturo fariĝis la simbolo de gepatra domo kaj Ukrainio. Oni diras, ke sen viburno kaj saliko ne ekzistas Ukrainio.

Fortan, kuraĝan, bravan viron ukrainoj nomas per vorto „kozak”. Tio ĉi estas historia nomo de batalanto por libero de Ukrainio en 13-17 jarcentoj. La viron aŭ knabon kun samaj trajtoj tradicie oni nomis aglo (ukr. orel), falko (ukr. sokil). Belan, agrablan knabinon oni laŭ tradicio komparis kun sovaĝa kolombino (ukr. horlicja), sovaĝa anasino (ukr. utinka); la patrinon, kiu lasis siajn infanojn – kun kukolino (ukr. zozulja). Paro de gekolomboj, gecignoj simbolas fidelajn amantojn, per iliaj figuretoj oni ankaŭ ornamas edziĝfestan panon.

Se ukrainoj komparas iun personon kun *leporo* (ukr. zajecj), tio signifas, ke li/ŝi estas timulo (en orientaj landoj leporo estas simbolo de saĝeco kaj rapideco). Se ni diras, ke li/ŝi estas kiel *urso* (ukr.vedmidj), do, li/ŝi estas granda, mallerta (por usonanoj, britoj, finnoj, flandroj – li/ŝi estas varma, mola, agrabla; por italoj – sovaĝa, por litovoj – ne rapida). Se ni komparas kun *hundo* (ukr. sobaka) – li/ŝi estas fidela aŭ malsata, kolera; se kun *kato* (ukr. kit) – pigra, dormema. Pri geedzoj, kiuj ofte kverelas, ekzistas proverbo, ke *ili loĝas kiel kato kaj hundo* (verŝajne, pro tio, ke la edzo ŝatas katan trankvilan vivmanieron en malordo, sed la edzino ĉiam volas fari la ordon kaj bojas, kiel hundo). Sed kiam, ekz. rusoj, nomas virinon per vorto *katino* (rus. koŝeĉka), tio signifas, ke ŝi estas agrabla, "miaŭas". Tamen mi legis, ke por kazaĥoj katino estas insida, perfida virino. Italoj kutime diras, ke la persono estas libera, kiel kato. Kaj ĉi tiun liston eblas daŭrigi...
Por multaj popoloj simbolaj estas ankaŭ la koloroj. Do, por ukrainoj *ruĝa* koloro signifas amon, feliĉon; *nigra* – triston, morton; *blanka* – purecon, virgecon; *flava* – divorcon, disiĝon k.t.p. Sed kiel koloroj de nacia ukraina flago blua simbolas pacan ĉielon kaj flava-oran graminacan kampon.
Kelkajn vortojn mi volas diri pri Esperantaj lingvokulturaj etnospecifaĵoj. Malgraŭ tio, ke E-o estas artefarita lingvo, ĝi havas ĉiujn kvalitojn de funkcianta nacia lingvo. En ĝia leksiko ankaŭ estas vortoj, kunigitaj kun E-kulturo. Do, E-o estas simbolo de la lingvo por futuro. En kelkaj lingvoj, ekz., en ukraina kaj rusa, ĝi signifas ion nekompreneblan (certe, por tiuj, kiuj ne konas ĝin, same kiel Volapuk). La vorto Esperantujo indikas tutmondan landon de geesperantistoj. La verda stelo, kiu havas 5 angulojn, estas la simbolo de unuiĝo de 5 partoj de la mondo (inter alie, la hebrea 6-angula stelo estas kombino de du trianguloj kaj, laŭ mitologiaj imagoj, povas defendi de "malbonaj fortoj")[19]. La krokodilo estas signo de la persono, kiu ne parolas E-on, sed uzas nacian lingvon; krokodili estas uzi iu ajn lingvon anstataŭ E-o. Verda koloro simbolas printempon, junecon kaj estonton.
Do, en la fino, ni substrekas, ke posedante denaskan lingvon, ni nepre devas scii kulturologian leksikon kiel la reprezentanto de nacia kulturo. Lernante fremdajn lingvojn, ni devas konatiĝi kun aliaj naciaj kulturoj. Tio tre gravas nuntempe, kiam intensiviĝas internaciaj kontaktoj. Al mi plaĉas la esprimo: Kiam Vi estas en Romo, kondutu Vi kiel loĝanto de Romo. Por

---

[19] *Bauer V., Djumotc I., Golovin S. Enciklopedio de simboloj / Trad. el germana lingvo G. Gajev, M., 2000, p.39-40.*

esti tia, ni ĉiam strebu scii, kompreni kaj estimi alian kulturon, kvankam ĝi diferenciĝas de nia, kaj ne ĉio povas plaĉi al ni.
Mi volus ĉi-okaze danki al la partoprenantoj de la 37-a ILEI-konferenco en Bratislava *Raymond Wylleman* el Belgio, *Alessandra Di Donato* el Italio, *Sylvia Hämäläinen* el Finnlando kaj *Aida Cizikaite* el Litovio, kiuj helpis al mi per la informoj pri naciaj komparaj frazeologismoj.

*Nina Daniljuk,*
*estro de Ukraina sekcio de ILEI,*
*kandidato de filologiaj sciencoj, docento de Volinia ŝtata universitato*
*u.Lucjk 43026, prosp. Sobornosti, 32, loĝ.108,*
*h.t. (0332)711348 Rete: nina_daniljuk@ukr.net*

# Estrara Raporto pri la jaro 2004

**1. Estraro**

**1.1 Estraro**

La estraro konsistis el S-ro Radojica PETROVIĆ (Prezidanto), S-ro Stefan MacGILL (Vicprezidanto), S-ro Atilio ORELLANA ROJAS (Sekretario), S-ro Aleksandr BLINOV (Membro), S-ro Maŭro La TORRE (Membro) kaj S-ro Hokan LUNDBERG (Membro).
En februaro aldoniĝis al la estraro S-ro Sjoerd BOSGA, elektita por la posteno de Kasisto. Decembre S-ro BLINOV demisiis de sia posteno.
La Estraro kunsidis en marto en Sarajevo kaj okazis retaj kunsidoj.

*Raportis: Atilio ORELLANA ROJAS*

**1.2 Komisionoj**

**1.2.1 Azia –** Ne venis raporto.
**1.2.2 Ekzamena –** La raporton petu de la sekretario.
**1.2.2 Elekta –** Ne estas io raportenda.
**1.2.3 Kontrola –** La raporton petu de la sekretario.
**1.2.5 Regulara –** Nenio aparta okazis post la nomumo en Bratislava.

*Raportis: Marija BELOSEVIĆ*

**1.2.6 Terminara –** Dum la jaro 2004 la Terminara Komisiono prizorgis la enmetadon de pedagogiaj terminoj en Vikipedion, ĉe la fako Pedagogio.

*Raportis: Miroslav MALOVEC*

## 2. Sekcioj kaj Membraro

En 2004 ILEI havis 655 membrojn en 55 landoj. El ili 100 elektis la retan varianton de IPR. Notinda tendenco ĉe la membraro kaj aktivularo estas ĝia plijuniĝo dankinda al kunlaboro de ILEI kun TEJO, precipe kun ĝia sekcio “Esperanto ĉe Interreto” (E@I), sed ankaŭ al klopodoj de la Sekcioj altiri kaj aktivigi junajn membrojn.
Kadre de la Konferenco en Bratislava S-ino Adriana MIDDELKOOP el Nederlando estis akceptita kiel Honora Membro.
En Katalunio, Kroatio/KEL, Norvegio kaj Svedio estis elektitaj novaj Sekciestroj.
Estis starigita diskutlisto por la Sekciestroj kaj Reprezentantoj kaj ĝis la fino de la jaro membris en ĝi 25 el ili. Sekciestroj kaj Reprezentantoj estis kontaktitaj pere de cirkuleroj.

La ricevitajn resumajn jarraportojn de la Sekcioj kaj Reprezentantoj vidu en la hejmpaĝo de ILEI <*www.ilei.info*>.

## 3. Financoj kaj Libroservo

### 3.1 Financoj

*"Bazaj enspezoj kovras bazan agadon"* – Tiel eblus resumi la pozitivan financan rezulton de 2004. Kvankam la definitivaj ciferoj je la redaktofino de IPR ankoraŭ ne pretas, provizora rezultokalkulo por 2004 montras pozitivan rezulton.
Plej rimarkinda estas la rezulto de *Juna amiko* – dum 2004 ĝiaj abonoj pli ol kovris la kostojn, dum ĝi en antaŭaj jaroj montris grandan negativan rezulton. La vigla laboro pri *Juna amiko*, kiu ekde nun aperas en nova stilo, promesas bonajn rezultojn ankaŭ en la estonto.
Tre kuraĝiga estas ankaŭ la enspezoj el membrokotizoj. Inter 2002 kaj 2003 ni notis kreskon per ĉ. 1000 EUR, sed inter 2003 kaj 2004 la kresko estas eĉ pli ol 2000 EUR. Samtempe necesos tre atenti pri membrokotizoj estonte – la kategorio de membroj kun nur reta abono al IPR rapide populariĝas, kaj tio povus kaŭzi rapidan falon de enspezoj el kotizoj en la estonto. Nun ankoraŭ la membrokotizoj sufiĉas por kovri la presadon kaj sendadon de IPR kaj parton de la estraraj kostoj, sed se ekzemple triono de la nunaj membroj estus en la reta kategorio, ni devus trovi aliajn rimedojn.
Kvankam la membronombro kreskis, ILEI dum 2004 suferis de manko de homfortoj kaj pro tio pluraj ambiciaj planoj ne povis esti realigataj. Tio respeguliĝas en la rezultokalkulo: kostoj de aktivuloj, estraranoj,

volontuloj, informado kaj materialo estis senescepte malpli altaj ol antaŭviditaj en la budĝeto. Certe mi estas fiera pri la efikeco kaj sindonemo de la aktivuloj de ILEI – amaso da laboro estas farita, kaj multaj rezignis pri repago de siaj kostoj. Sed mi estus pli fiera prezenti al vi negativan rezulton de la jaro, se tiun rezulton mi povus klarigi per multobligo de nia aktivularo.
Fine, menciinda estas la laboro en la du grandaj projektoj de ILEI: InterKulturo kaj Flugiloj. Ambaŭ sukcesis akiri subvenciojn, kiuj ne nur kovras la laboron de 2004, sed ebligas daŭrigon en 2005. Por Flugiloj tio signifas ekzemple, ke eblos plue labori pri la manlibro pri instruado, kaj ke ankaŭ en 2005 ILEI trejnos junulojn por E-instruado – kaj tio estas esence grava por la estonto de ILEI, kaj de Esperanto!

*Raportis: Sjoerd BOSGA*

### 3.2 Libroservo

En 2004 ILEI vendis 195 librojn, kompare kun 63 en 2003. Ni plie disponigis 70 librojn al seminarianoj en Sarajevo marte kaj al la "Flugila" seminario kaj Lingva Festivalo de Bratislavo julie. Fine de 2003 estis raportitaj 2437 libroj en Budapeŝto kun valoro de EUR 1870, plus 257 pliaj libroj en Hago. Fine de 2004, ni sukcesis fari detalan inventaron en Budapeŝto; surbaze de tio la jarkomencaj nombroj estis reviziitaj, kiel

| | TT2[20] | TT3 | Okulo | Okulo-G | Rom | Kolker | SUME |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Lasta represo | 1997 | 1994 | 1999 | 2000 | 1995 | (1992) | -- |
| Kvanto | 3000 | 2000 | 3000 | 500 | n/k | n/a | -- |
| Stoko 31 dec 2003 anoncita | 700 + 34 | 243 + 85 | 749 + 33 | 471 + 0 | 35 + 80 | 8 + 25 | 2533 |
| Stoko 31 dec 2003 reviziita | 894 + 34 | 238 + 85 | 1257 + 33 | 320 + 0 | 91+ 80 | 15 + 25 | 3072 |
| Vendoj 2004 | 50 | 17 | 88 | 25 | 5 | 10 | 195 |
| Disponigoj 2004 | 28 | 19 | 15 | 5 | 3 | 0 | 70 |
| Jarfinaj stokoj | 816 + 34 | 203 + 85 | 1142 + 45 | 285 + 10 | 75 + 88 | 5 + 25 | 2813 |
| Poa stokvaloro (EUR) | 0,80 | 0,90 | 0,90 | 0,90 | 0,80 | 1,00 | -- |
| Stokvaloro 31 dec 2004 (EUR) | 680,00 | 259,20 | 1068,30 | 265,50 | 130,40 | 30,00 | 2433,40 |

[20] *Klarigoj: TT: Tendaraj Tagoj; Okulo-G: Okulo-Gvidlibro, Rom: Rømmesmo, Jon: Esperanto ABC, Kolker: Vojaĝo al Esperanto-lando*

montrite en la tabelo. Kiam tie aperas du ciferoj, la unua rilatas al stokoj en Budapeŝto, la dua el Hago. El tio vi vidas ke la notitaj vendoj dum 2004 okazis ekskluzive tra Budapeŝto, kaj grandparte kadre de instruistaj kursoj aŭ aranĝoj. 30 libroj transiris de Budapeŝto al Hago. Perpoŝtaj mendoj al Budapest estis nur tri, la plej granda temis pri livero de 65 ekz-oj de *Okulo* al Afriko.

*Raportis: Stefan MACGILL*

**4. Konferencoj**

La 37-a ILEI-Konferenco okazis en la urbo Bratislava (Slovakio) inter la 14-a kaj la 21-a de aŭgusto. Aliĝis 49 personoj el 20 landoj. La konferenca temo estis 'Kultura kaj lingva diverseco en edukado' kaj ĝi estis pritraktita de Radojica PETROVIĆ. Du seminarioj okazis: de InterKulturo kaj de Flugiloj de Malfacila Vento, dum kiu la partoprenantoj enprofundiĝis en la celojn de ambaŭ projektojn.

Grave estas, ke en la konferenca programo estis tempo dediĉita al la pridiskuto de Strategio por ILEI kaj tio okazis en 2 sesioj. La programo estis riĉigita de kontribuoj de Nina DANILJUK: 'Lingvokultura leksiko en la instruado de la denaskaj kaj fremdaj lingvoj', Sándor HORVÁTH: 'Monda instruado de la angla. Faktoj, mitoj, ekscesoj, problemoj', Hokan LUNDBERG kaj la *lernu!*-teamo pri la projekto *'lernu!'*, Tereza KAPISTA pri 'Instrulaboroj kaj spertoj en Irano', Atilio ORELLANA ROJAS: 'ILEI 55-jara', kaj Josef VOJAĈEK: 'Projektoj pri la instruado de Esperanto'.

Eblis renkontiĝi kun la redaktoroj de la ILEI-revuoj, IPR kaj JA kaj eblis tiam trakti pri la evolubezonoj kaj planoj por ambaŭ eldonaĵoj.

En la posttagmezo de la lasta konferenca tago, okazis 'Lingva Festivalo', dum kiu estis prezentitaj 20 diversaj lingvoj. Ĝi vekis la atenton de la lokaj amaskomunikiloj.

Ankaŭ sesio de la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA okazis kaj el la 8 kandidatoj, sukcesis 2 en la elementa kaj 4 en la meza niveloj.

Diversaj ekskursoj kaj tuttagaj kaj duontagaj permesis al la ĉeestantoj konatiĝi kun la urbo Bratislava kaj aliaj regionoj de Slovakio.

La samtempeco kaj samlokeco de la Konferenco kun la SAT-Kongreso donis la okazon al la Plenum-Komitato de SAT kaj al la Estraro de ILEI renkontiĝi kaj diskuti pri eventuala kunlaboro en kampoj komunaj, kiel eventuale kunlabori en taskoj ligitaj al la teksto de la reeldonota PIV.

Pri la Konferenco raportis 5 TV-stacioj, 7 radiostacioj kaj 6 gazetoj. La ILEI-Komitato kunsidis dum pli ol 7 horoj. Ĉeestis reprezentantoj el Ĉeĥio,

Finnlando, Hungario, Italio, Kroatio-KEU, Kubo, Nederlando kaj Ukrainio. La ĉefaj decidoj de la Komitato estas la jenaj:

- akcepto de nova Honora Membro: S-ino Adriana MIDDELKOOP el Nederlando;
- aprobo de la jara kaj financa raporto por la jaro 2003;
- aprobo de buĝeto por la jaro 2004;
- fondado de Azia Komisiono por prizorgi la rilatojn kun la aziaj kolegoj;
- malfondo de la Lerneja Komisiono;
- aprobo de la teksto de la Regularo de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA;
- aprobo de ŝanĝoj al la Interna kaj la Konferenca Regularoj;

Cetere, estis traktitaj temoj kiel la bone ekzistantaj rilatoj kun E-organizoj kiel UEA, TEJO kaj ne-esperantistaj kiel UNESKO kaj FIPLV.

*Raportis: Atilio ORELLANA ROJAS*

**5. Juna amiko**

En 2004 nia revuo *Juna amiko* havis 829 pagitajn abonojn, kompare kun 790 en 2003. Plentarifaj estis 356 (348 en 2003 kaj 209 en 2002). Je la dua tarifo estis 323 (272 en 2003 kaj 187 en 2002). 150 abonoj el Afriko kompletigis la abonsumon por 2004. Elstaraj landoj estis Italio (76), Hungario (72), Francio (69), Kroatio (67), Brazilo (62), Finnlando (50) kaj Israelo (50). Kvar numeroj aperis ĝustatempe, kun kontribuaĵoj el plej diversaj mondpartoj.

*Juna amiko* estas finance sana, kaj por la unua fojo en multaj jaroj havas ekvilibron inter la elspezoj kaj enspezoj. Por la financa rezulto, vidu la kasistan raporton.

Por 2005 la revuo aperos laŭ dramece ŝanĝita skemo: Tri 52-paĝaj numeroj anstataŭ kvar 28-paĝaj. Kun regule kreskanta enhava ret-paĝaro ĉe <*www.lernu.net*> en la biblioteko. Tiu kombino sub la slogano "*Pli da gazeto, pli ol gazeto*." Ĝis 31 marto 2005, alvenis 590 abonoj, el kiuj 288 plentarifaj.

*Raportis: Stefan MACGILL*

**6. Informado**

En la agadkampo de **informado** ILEI eldonas *Internacian Pedagogian Revuon* (IPR, organo de la ligo kaj fakrevuo) en papera, reta kaj sonbenda versioj. La retpaĝaro *www.ilei.info* evoluis en la direkto de plia aktualeco kaj interligiĝo kun retpaĝaroj de ILEI-Sekcioj. ILEI utiligas 4 retlistojn por

diversaj aspektoj de sia laboro kaj publikigas informojn en aliaj informmedioj. En la revuo *World News* (organo de FIPLV – Internacia Federacio de Instruistoj de Modernaj Lingvoj en kiu ILEI membras), n-ro 61, aperis artikolo de la prezidanto de ILEI titolita *Towards cross-cultural understanding - through Esperanto*. Klarigante la lingvan kaj kulturan politikon de ILEI kaj ĝiajn agadcelojn la artikolo aparte prezentas la projektojn *lernu!*, *edukado.net*, *Lingva Prismo* kaj *InterKulturo*, kiujn ILEI subtenas kaj uzas.

*Raportis: Radojica PETROVIĆ*

**7. Rilato kun UEA**

Observanto ĉe la UEA-Estraro restas S-ro Radojica PETROVIĆ. Li ĉeestis la Estrarkunsidon de UEA en aprilo 2004.
A-Komitatano por ILEI ĉe UEA daŭre estas S-ro Atilio ORELLANA ROJAS. Li ne ĉeestis la Komitatajn kunsidojn okaze de la Universala Kongreso en Pekino, sed sekvas la informojn pere de komitataj cirkuleroj kaj la komitata diskutlisto.

*Raportis: Atilio ORELLANA ROJAS*

**8. Eksteraj Rilatoj**

Niaj reprezentantoj ĉe UNESKO (Jean-Pierre BOULET kaj Renée TRIOLLE) regule ĉeestis kunsidojn en la UNESKO-sidejo en Parizo. Plu eblas subskribi la Manifeston 2000 tra ILEI ĉe la UNESKO-hejmpaĝo.
La reprezentanto ĉe FIPLV, Jennifer BISHOP, tenas regulan kunlabor-kontakton kun tiu organizo kaj prizorgas reciprokan informadon.

*Raportis: Atilio ORELLANA ROJAS*

**9. Projektoj**

Iniciatite de E@I, kun financa subteno de ESF, unu el la ĉefagadoj de ILEI en 2004 estis la projekto "*Flugiloj de Malfacila Vento*". En tri trejn-seminarioj de "Flugiloj" (en marto 2004 en Sarajevo, kaj dum IJK kaj Konferenco de ILEI) lernis proksimume 60 plejparte junaj E-instruantoj kaj instruistoj. Aliaj du metodikaj trejnseminarioj de ILEI okazis en Germanio kaj Katalunio laŭ iniciato de kaj kunlabore kun tieaj E-organizaĵoj. Estis kompilita metodika manlibro en elektronika formo, kiu nun estas preparata ankaŭ por papera eldono. Estas preparata renovigita eldono de la lernolibro '*Tendaraj Tagoj 1*' de Stefan MacGILL. Abundan instrumaterialon por bazlernejanoj kaj komencantoj liveras la revuo '*Juna amiko*' en papera kaj reta versioj kaj en kunlaboro kun la retkursejo *www.lernu.net*.

La projekto ‘*InterKulturo’* evoluis kaj plu evoluas kun subteno de ESF kaj Eŭropaj fondaĵoj EYF kaj YOUTH. Du IK-trejnseminarioj okazis – marte en Sarajevo kaj aŭguste en Bratislava. La porinfana kaj junulara revuoj ‘*Juna amiko’* kaj ‘*Kontakto’* gastigas la projekton sur siaj paĝoj. Ĝi estis prezentita en la 10-a Kongreso de Linguapax maje en Barcelono, kune kun la projektoj *lernu!* kaj *Lingva Prismo*, kaj enlistigita ĉe UNESKO inter projektojn de la Jardeko por Kulturo de Paco. Nova, plurlingva retpaĝaro de IK estas konstruata kun la celo disvastigi ĉi tiun E-projekton ankaŭ inter neesperantistoj.

*Raportis: Radojica PETROVIĆ*

*La Jarraporton kompilis Atilio ORELLANA ROJAS*

# InterKulturo en lernejo

Unu el la ĉefaj celoj de la projekto InterKulturo, realigata de ILEI, estas la interkultura lernado. Dirante tion, ni pensas antaŭ ĉio pri nova generacio, ĉar ĝia edukado, evoluo kaj ĉiuflanka perfektiĝo estas la ĉefa tasko de ĉiu socio. Tial IK kiel eduka projekto estas tre utila, ĝuste en la lernejoj.

Kial? La infanoj estas malpli kaptitaj de diversaj politikaj, ideologiaj, religiaj kaj aliaj dogmoj; pli malfermitaj al ekstera influo; pli societemaj kaj amikemaj. La infanoj nur “malfermas” al si la vivon, por ili ĉio estas interesa, ili laŭnature estas scivolemaj. Sekve, ilin pli facile estas allogi al io interesa kaj utila por semi en iliaj animoj ĝermojn de bono, justeco kaj estimo de unu al aliaj.
Krom tio, InterKulturon eblas sukcese kombini kun kutimaj lernobjektoj, enkondukante ĝiajn elementojn dum lecionoj kaj eduka postleciona laboro. IK permesas vaste uzi ankaŭ integradon kaj interligojn de diversaj lernobjektoj.
Kelkaj spertoj pri tiu laboro amasiĝis en nia lernejo – unu el tipaj urbaj lernejoj en Ĉeboksari, la ĉefurbo de Ĉuvaŝa Respubliko, Rusio.
Nia lerneja E-grupo “Betuleto” komencis partopreni en IK ekde aŭtuno de la 2003-a jaro. Dum la unua jaro post la aliĝo la infanoj kolektis diversajn interesajn materialojn. Ili tradukis en Esperanton rusajn kaj ĉuvaŝajn fabelojn kaj legendojn, konatiĝis kun ŝatataj libroj de aliaj popoloj,

partoprenis en kvizoj, por kio ili devis legi specialajn librojn kaj konsulti instruistojn pri la ĉuvaŝa kaj fremdaj lingvoj.

Ili kompilis abundan materialon pri la gepatra urbo, kaj nun ĉiu lernanto povas uzi ĝin dum preparado al lecionoj, precipe al speciala lernobjekto, dediĉita al la ĉuvaŝa kulturo – "Kulturo de la gepatra regiono". Kaj la materialoj pri aliaj urboj de la mondo, preparitaj de IK-partoprenantoj, estas nun je dispono de la instruistoj pri geografio.

Ni planas fari por nia lernejo ankaŭ specialan albumon kun materialoj de partoprenantoj de la projekto, dediĉitaj al diversaj temoj por ke la instruistoj aŭ lernantoj povu uzi ĝin. Ni esperas, ke ĝi estos interesa por lernejanoj kaj allogos novajn partoprenantojn al la projekto.

Krom tio, la geknaboj "Betuletanoj" prezentis du spektaklojn por la lernejo – laŭ la rusa popola fabelo "Neĝulino" kaj laŭ la hungara popola fabelo "Duonpeltaĵeto".

Kune kun ĉeboksaraj esperantistoj ni organizis en nia lernejo Festivalon de hungara kulturo, dum kiu oni rakontis al infanoj pri la lando, ĝiaj historio, lingvo, moroj, ludoj ktp kaj prezentis "hungaran" koncerton. Iam, dum la soveta tempo Ĉeboksari kaj la hungara urbo Eger estis ĝemelurboj kaj inter ili ekzistis diversaj interesaj ligoj, precipe kulturaj. La festivalo memorigis nin pri tiu bona, sed nun forgesita tradicio.

Ĉiujare lernantoj de nia lernejo tradicie vizitas Lingvan Festivalon, kiu jam



dum 9 jaroj okazas en nia urbo. Tie la infanoj konatiĝas kun la plej diversaj, ofte ekzotikaj por ni, lingvoj, landoj, kulturoj.
Ni penas inviti al la lernejo ankaŭ interesajn gastojn – reprezentantojn de diversaj kulturoj por ke la lernantoj povu interkomunikiĝi kun alipopolanoj.
Ankaŭ miaj kolegoj – iom post iom – komencas uzi InterKulturon dum siaj lecionoj. Ekzemple, jam kelkajn jarojn niaj lernantoj partoprenas en desegnaĵ-konkursoj, dediĉitaj al IK–temoj.
Interesa ekzemplo de integrado de diversaj fakoj estas la kunlaboro de "Betuleto" kun instruistino pri "Kulturo de gepatra regiono". Tiu lern-objekto estas deviga por ĉiuj lernantoj ekde la 5-a klaso (aĝo de 10-11 jaroj) ĝis la 9-a (14–15 jaroj). La instruistino prelegas pri la E-movado en Ĉeboksari kiel pri elemento de moderna kulturo de Ĉuvaŝa Respubliko ĝenerale. Kaj kune kun ŝi ni rakontas al la lernantoj pri la projekto IK, pri novaj amikoj de "Betuleto", kiuj loĝas en plej diversaj partoj de la terglobo. Kune kun ŝi ni aranĝis ankaŭ enketon laŭ la lasta esplortemo de la projekto InterKulturo "Mia kulturo", kiu donis tre interesajn rezultojn kaj multon "malfermis" al ni en la menso de niaj lernantoj. Pri tio mi raportos en aparta artikolo.
Certe eblas trovi multajn aliajn sferojn por la apliko de IK en lernejoj. Mi rakontis nur pri kelkaj spertoj en tiu direkto. Verŝajne ankaŭ aliaj sukcese uzas la projekton en sia laboro. Mi ne dubas, ke ne nur por mi, sed por multaj esperantistoj estus tre interese ekscii pri tio.

*Elena Nadikova,*
*diplomita pedagogo, gvidanto de la E-grupo "Betuleto", Rusio*

## ILEI-lernejoj: ĉu realigebla ideo?

La 16-an de aprilo 2005 en Czajowice, Pollando, estis subskribita *Interkonsento inter la lernejo de Czajowice kaj ILEI*, laŭ kiu **ILEI iĝis oficiala patrono de la lernejo**. La pola sekcio de ILEI, kiu tre proksime kunlaboras kun la lernejo ekde aŭg. 2004, daŭrigos la kunlaboron kiel reprezentanto de ILEI. La plano estas kunordigi ĉiujn lernejojn en Pollando kie Esperanto estas instruata kaj utiligata.

La interkonsenton subskribis la direktorino de la lernejo, *Agnieszka Basista* kaj, nome de ILEI, la ILEI-komitatanino, *Maria Majerczak* (*vidu foton sur la 19-a paĝo*). Post la manpremo estis tralegita la speciala salutmesaĝo de

la Prezidanto de ILEI, *Radojica Petrović*, kaj interŝanĝitaj simbolaj donacetoj: floro, kun simbolaj signifoj de la koloroj kaj longdaŭreco de la planto, kaj ringo kun la verda stelo simbolanta gvidadon kaj kunigadon. Dum la ceremonio regis tre solena kaj ĝoja etoso. La tutan aranĝon planis kaj kunordigis *Maria Majerczak*. Foto-raporto aperos en Interreto.

La sfero de la kunlaboro difinita per la interkonsento estas edukado, sen financaj devigoj. Ĝi ligiĝas al universalaj kaj ĉiutempaj valoroj de Esperanto, kiuj estas komuna komprentereno de la esperantistoj kun la aliaj homoj. Krom tiuj, la Internacia Lingvo proponas al la lernejoj ĉiam kreskantan nombron kaj rangon de praktikaj uzoj. Ĉie ekzistas homoj malfermaj, larĝmensaj, aktivaj, ofte ne sciantaj pri tiuj ebloj, ravitaj ekkoninte ilin, kaj pretaj utiligi E-on. Tio pli vaste malfermas la vojon al la ĉefa agadtereno de ILEI – la lernejoj. Ni informu! Ni instruu!

Tio inspiris la kunlaboron de la pola sekcio kun la lernejo de Czajowice, kiu nun, per la interkonsento pri patroneco, fariĝis ILEI-lernejo. Tio jam sugestas pozitivan respondon al la titola demando. Ĉu ĉiu sekcio de ILEI povas fari ion similan? Ĉu ni povos krei tutmondan reton de ILEI-lernejoj? Certe jes, se ĉiu sekcio faros tion en sia lando.

*Maria Majerczak*



# Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj

La projekto **AKEL** (Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj) estas propono de Eŭropa Esperanto-Unio, apogita de la portalo Google, por helpi la solvon de la problemo de lingva diskriminacio en Eŭropa Unio. Je ĉi tiu ideo inspiriĝis la instruistoj de tri mezlernejoj de Bulgarujo, Italujo kaj Britujo kiuj petis oficiale partopreni en la projekto AKEL, subtenata de la programo Socrates de Eŭropa Unio laŭ la versio "Socrates/Comenius 1 – inter lernejoj".

La projekto antaŭvidas, ke ĉiu lernejklaso partoprenanta en ĝi lernas Esperanton dum la daŭro de la projekto kaj eklernas aliajn fremdajn lingvojn, kiam ĝi vizitas la partnerojn klasojn en la aliaj landoj.

La instruistoj respondecaj *Mariana Gencheva* de mezlernejo "Tsanko Tserkovski" de Polski Trambesh, Veliko Tarnovo, Bulgarujo, *Ermanno Tarracchini* de ŝtata mezlernejo "Cavour" de Modeno, Italujo kaj *Stanley Elizabeth* de "Sir Thomas Rich's School", Gloucester, Britujo formulis kune la celojn de la komuna laboro kiu baziĝas sur partneraj rilatoj inter la koncernaj lernejoj. En ĝi realiĝos multaj iniciatoj kun la partopreno de la geinstruistoj kaj gelernantoj el ĉiuj lernejoj kaj organizoj, unuigitaj de komunaj edukaj intencoj kaj temaroj.

La kunlaboro koncentriĝos sur la interŝanĝo de informoj pri la kultur-historia heredaĵo de la apartaj regionoj kaj ŝtatoj, sur eksperimentado en la sfero de la novaj inform-teknologioj kaj fremdlingva instruado, sur ideoj pri la nuna kaj la estonta civitaneco en la EU.

Baze de la projekto kuŝas la revo disvastigi la mondkoncepton de la juna generacio pere de ilia konatiĝo kun kulturoj kaj tradicioj de aliaj eŭropaj landoj kaj konstati, ke eblas amikaj rilatoj inter samaĝaj gejunuloj kaj geinstruistoj loĝantaj tie.

La realigo de tiu-ĉi projekto kontribuos al la detruo de la ekzistantaj komunikbaroj inter la reprezentantoj de la diversaj lingvo-komunumoj metante ĉiujn parnterojn antaŭ egalaj provokoj.

La komunikado inter la tri lernejoj okazos en la interncacia lingvo Esperanto, kiu estas pontolingvo inter la diversaj realaj situacioj. La uzado de unu sama negepatra kaj neŭtrala lingvo kreos la bezonon lerni ĝin pli profunde kaj stimulos ĉiujn engaĝiĝantojn en la iniciato perfektigi siajn lingvokonojn por pli facila kaj taŭga interkomunikado.

IPR 05/2Ø20

La sukcesa realigo de la projekto kreos firmajn premisojn kaj formos la aspekton de la nova civitano de EU. La projekto daŭros tri jarojn kaj la komuna laboro de la tri lernejoj startos tuj post ties oficiala akcepto fare de la naciaj Agentejoj Socrates de la tri landoj. Estas antaŭviditaj tri fizikaj renkontiĝoj de la geinstruistoj kaj de kelkaj gelernantoj. Dum la unua renkontiĝo, kiu okazos oktobre 2005 en Polski Trambesh, Bulgarujo, oni pli firme fiksos ĉiujn detalojn de la fundamentaj agadoj kaj konsideros la eblajn malfacilaĵojn, kiuj povus aperi en la realigo de la projekto. Dum tiu-ĉi renkontiĝo ĉiuj partoprenantoj faros la komencan prezenton de sia lernejo/organizo, de ĝiaj celoj kaj planoj je akurata evoluo kaj plenumo de la komuna projekto. La prezentoj estos laŭ la temo "Mia lernejo". La aliaj du renkontiĝoj estos en Italujo (aprile 2006) kaj en Britujo (aprile 2007).
Intereson povas veki ankaŭ la aliaj agadplanoj de la tri jaroj kiuj antaŭvidas formigon de lernejaj kluboj por internacia amikeco, konstantan korespondadon inter la tri klasoj, konkursojn, ekspoziciojn, realigadon de fotoalbumoj, libretoj, internet-paĝoj, multmediaj prezentadoj, lernejaj gazetoj kaj seminarioj kiuj atestas kaj dokumentas la rezultojn de la projekto. Nun la tri lernejoj estas atendantaj la oficialan akcepton de la AKEL-projekto fare de la naciaj Agentejoj Socrates-Comenius1.

Pliajn informojn oni povas peti de la instruistoj:
*<m_gencheva_esp@dir.bg>, <ermanno.tarracchini@tiscali.it>, <elistaros@hotmail.com>*
kaj de iliaj italaj kunlaborantoj: *<silkovojo@aliceposta.it>*
*Luigia Oberrauch Madella*

## La plej longa ekzameno en mia vivo

**La lasta, 6-a sesio de la 3-jaraj Interlingvistikaj Studoj** okazis inter la 30.01-04.02.2005, kiel kutime en la *Lingvistika Instituto de la Universitato de Adam Mickiewicz en Poznań*, PL.
La tria jaro (antaŭlasta sesio pasintan septembron kaj la nuna) estis dediĉita al la elektita specialiĝo, ĉi-foje lingvopedagogio.
La 6-a sesion malfermis dimanĉe matene *dr-ino Ilona Koutny*, kiu gvidis ĝeneralan enkondukon al la verkado de diplomlaboraĵoj kaj lunde posttagmeze ni konsultiĝis aparte kun la elektita gvidanto (la temoj de diplomlaboraĵoj estis pli frue senditaj rete, kune kun la nomoj de eblaj gvidantoj). Tiuj, kiuj partoprenis la metodikan kurson flanke de la pola

ILEI-sekcio, same estis bonvenaj, ja ankaŭ ili devos verki laboraĵon, sed pli mallongan kaj pri praktikorientitaj temoj.
Inter tiuj du renkontiĝoj (unu grupa, unu individua) ni sekvis la 2 tagan seminarion pri metodiko kaj instruhelpiloj kun *dr-ino Katalin Kováts* kaj *mgr Maria Majerczak* (parte kun *dr-ino Ilona Koutny*). Tiu ĉi fojo estis la daŭrigo de la septembra semestro, kiam ni okupiĝis interalie ĉefe pri teoriaj konoj de instrumetodoj, organizado de la instruista laboro, kaj analizis/spertis diversajn ekzercotipojn. La nuna sesio estis pli praktika – inkludante ankaŭ la ekzamenon mem. *Dr-ino Katalin Kováts* trejnis la gestudentojn profesie kaj fervore uzante filmitajn lecionojn, materialojn sur kompaktdiskoj kaj la interreton (*lernu!, edukado.net* ktp.). Ŝi ankaŭ dediĉis iom da tempo al la jenaj temoj: 'Kiel informi pri Esperanto?', Novaj kaj malnovaj revuoj (ĉefe pri tiuj, kiuj estis kaj estas uzataj por pedagogiaj celoj), Instrufilmoj i.a. "*Pasporto al la tuta mondo*", „*Mazi*".
Por anime prepariĝi al la sekvataga ekzameno ni spektis la surbendigitan teatraĵon „*Budapeŝta Skolo*" de *Sándor Szathmári* (satira teatraĵo pri *L. Zamenhof*, kiu antaŭ la budapeŝta komisiono ekzameniĝas pri E-gramatiko, kiu ŝajnas al multaj tiel facila!....sed ĝi ne estas tia!). Alia teatraĵo, la „Vorta klaso" de *G. Silfer*, eniris la skriban parton de la ekzameno. Ĝi estas satiraĵo pri la Cseh-metodo. (Sed ĉu vere pri tio, ni ja diversmaniere analizis la mesaĝon de la verko). Ankaŭ la studentoj aktive partoprenis en la sesio: mi mem ekzemple rolis kiel DĴ (diskoĵokeo) prezentante instrucele uzeblajn E-muzikojn.

La plej grava tago por ni ĉiuj estis mardo. Kial? Ĉar dum ĝi ni devis ekzameniĝi pri metodiko, nia ĉefa fako, specialiĝo.
Tio ne estis kutima ekzameno, kiun oni ĝenerale konas. Ankaŭ ĉar pro diversaj organizaj kialoj ne eblis dispecigi la ekzamenon en 2 partojn, ĝi okazis en unu fojo t.s , ke ĝi daŭris **la tutan tagon.** La ekzameno ankaŭ enhave estis nekutima. Ĝi estis tre kompleksa kaj konsistis el **4 partoj:**

**1. skriba parto** (4hora, kun 2 paŭzoj): ĝi enhavis novajn elementojn por ni, ĉar krom 7 sciodemandoj i.a. pri instrumetodoj, instruhelpiloj, ekzercotipoj, instru- kaj lecionoplanoj, ni spektis 10-15 minutajn fragmentojn de diversaj filmoj pri E-instruado (ekz. Pri lecionero laŭ la "silenta vojo" instruis *d-ro Duncan Charters*) kaj devis respondi al pluraj demandoj ekz. rekoni/nomi instrumetodon, diri la pedagogian celon de la leciono, kiel oni prezentis la novan materialon, kiel okazis la erarkorektado... Nia tasko estis bone observi la filmitajn lecionerojn kaj skribi nian opinion pri bonaj kaj

malbonaj lecionmomentoj/fazoj. Gravis i.a. instrumaniero de la instruisto, lingvouzo kaj prononco, leciondivido k.s.

Krom tiuj 'porekzamenaj filmoj' ni ricevis 10-minutan dozon da amuziĝo, kiu nomiĝis '*Vojaĝo tra la mondo'*, en kiu konata metodologo *Duncan Charters* imitas la parol- kaj prononcmanierojn de aliaj esperantistoj, kies naciaj lingvoj estas la angla, franca, itala, germana k.a .

**2. parola parto**: ĉiu studento lotumis 2 "tiklajn" gramatikajn demandojn (el la 25-tema listo) kaj ni devis dum 2x2 minutoj klarigi ilin kvazaŭ respondante al demando de lernanto. Se iu ne sciis la ekzaktan respondon, la aliaj gestudentoj rajtis helpi, ĉar la celo ne estis nur ricevi poenton, sed ankaŭ lerni novajn aferojn.

**3. modellecionoj**: prezento de diversspecaj leciontipoj dum 10-15 minutoj, ekz. leciono pri fonetiko, aŭskultekzerco/ komprenekzerco, tekstoanalizo, lingva ludo, ludo-teatraĵo, leciono pri gramatiko, paroligaj ekzercoj, kiel instrui poemon/kanton. Post ĉiu prezento ĉiu 'instruinto' devis mallonge taksi sin mem kaj poste la 'gelernantoj' povis diri sian opinion pri la leciono. Aldone: ĉiu studento devis verki 2 lecionplanojn por siaj modellecionoj, sed nur unu modellecionon li/ŝi prezentis pro tempomanko.

*Surfote: feliĉa grupo post la ekzameno, Iwona dekstre, en la unua vico*



**4. instruuista kofro**: prezento de siaj instruhelpiloj, ankaŭ memfaritaj ekz. ekzercoj, bildoj, objektoj, ludiloj, afiŝoj, libroj, KD-oj aŭ simplaj diskoj, trukoj per kiuj oni jam instruis ion sukcese. La celo ne estis fanfaroni pri sia kolektaĵo, sed informi la aliajn pri la ideoj kaj ebloj uzi tiujn instruhelpilojn. Ne la kvanto, sed la kvalito gravis (oni ne forgesu, ke la portokapabloj de la eksterlandaj studentoj estis iel limigitaj.)

Krom tiu unutaga ekzameno ni devis liveri ĝis la mezo de januaro (al *dr-ino Katalin Kovǻts*) la jenajn **skribajn hejmtaskojn:**

- eseon pri la ĝisnunaj instruspertoj
- 5 ekzercojn (la bonaj estis publikigitaj en la LERNILOTEKO de www.edukado.net )
- recenzon pri unu moderna, nova E-lernilo
- 2 lecionplanojn (por 2 diversaj modellecionoj)
- plenumon de la 'edukado.net-folio', per kiu ni devas viziti la paĝaron kaj respondi al demandoj.

Por *mgr Maria Majerczak* ni devis skribi 2 lecionplanojn por 2 sinsekvaj E-lecionoj por komencantoj laŭ la skemo: prezentado, klarigado, ripetado, reuzo, transfero.

Uf, finfine finiĝis la tuttaga ekzameno.....

Vespere ĉ. la 19-a , post la plej longa ekzameno en nia vivo, okazis nia kutima "**komuna vespero"**, al kiu ni invitis kelkajn "poznanajn" esperantistojn. Ne plu estis fortoj por prezenti iun ajn programon, sed ni kun apetito manĝis polajn picojn kaj '*surówki'* (neniu studento kuraĝas diri "krudaj legomoj") kaj fervore babilis pri diversaj temoj, kiuj ŝajnas neniam elĉerpiĝi. Post tia tago eĉ unu glaseto da vino rapide efikis.
Ni daŭrigis ankaŭ la rigardadon/priparoladon de la "instruistaj kofroj".

Mi pensas, ke post tia tago ĉiuj studentoj bone dormis, kompare kun la antaŭaj noktoj.

Merkredo estis trankvila tago, kvankam kelkaj studentoj havis kapdoloron ;-): matene okazis seminario pri metodiko kun *mgr Maria Majerczak* kaj posttagmeze ni aŭskultis 3 (el 10) superrigardajn prelegojn de *prof. Humprey Tonkin*, surbendigitajn sur KD-ojn, pri la aktualaj problemoj de E-movado. Ĵaŭde matene *dr-ino Ilona Koutny* daŭrigis pri instruhelpiloj kaj poste ni aŭskultis la 5 aliajn KD-ojn. Estis kompreneble bedaŭrinde, ke ni

ne povis gastigi prof. Tonkin mem, sed ni havis ŝancon 2-foje paroli kun li telefone-komputile (starigi demandojn) fine de ĉiu KD-aŭskultado.

La lastan tagon, vendredon, okazis la 2 lastaj ekzameno-testoj: pri la literaturo de la IV-a periodo (lekcioj kun *István Ertl* de la pasinta septembro) kaj pri la historio de la E-movado (lekcioj kun *Aleksander Korĵenkov* de la pasinta februaro).

La semajno tre rapide pasis, jam vendrede posttagmeze kelkaj gestudentoj ekvojaĝis hejmen. Ni esperas, ke ni denove renkontiĝos fine de septembro ĉi-jare dum la defendoj de niaj diplomlaboraĵoj. Gratulojn al la persistuloj!

*Iwona Kocieba (Belgio), studentino de IS*

## Reago

Mi legis kun atento la artikolon pri la participoj de S-no Leereveld en IPR 04/4. Tiurilate mi konsideras, ke li rajtas uzi kaj instrui la de li preferatajn formojn. Tamen, se li ne instruas la alternativajn formojn, tutsimple lia instruado estas nekompleta. Ekzistas alia interpreto al la konsilo de Zamenhof kiu neniel signifas absolutan malrekomendon pri la uzado de participoj en konjugaciaj formoj.
Jen mia opinio:
*Interpreto de zamenhofa rekomendo pri la participoj*
Ĉar en informoj aperintaj en la oficiala organo de UEA (1), la stilo de redaktado ne estas unuforma rilate pri la uzado de la participoj, oni prezentas ĉi tie alternativojn por sekvi la zamenhofan rekomendon (2) pri eviti laŭeble la kunmetitajn verboformojn. Kompreneble, la ideo estas korekti monotonecon de la stilo, kiu povas esti maleleganta.
Jen la stilkorektoj:
a) "Tamen ne ĉiuj tagorderoj estis traktataj en la plenkunsidoj" Dezirinda korekto (DK): *Tamen, oni ne trakt(ad)is ĉiujn tagorderojn en la plenkunsidoj.*
b) "La teksto publikigita en la junia numero de la revuo Esperanto, estis kompletigita per erare ellasita ĉapitro pri kultura agado (p.205), kiu estis disdonita dum la kunveno mem". DK: La teksto publikigita en la junia numero de la revuo Esperanto kompletiĝis per erare ellasita ĉapitro pri kultura agado (p. 205), kiun oni disdonis dum la kunveno mem.

c) "La financa politiko de la Asocio estis pridiskutita surbaze de la raporto de la subkomitato 1 pri financo kaj administrado. Ĝia rekomendo aprobi la buĝeton por la jaro 2003 estis akceptita." DK: *La financa politiko de la Asocio pridiskutiĝis surbaze de la raporto de la subkomitato 1 pri financo kaj administrado. Ĝian rekomendon aprobi la buĝeton por jaro 2003 oni akceptis.*
d) "Laŭdita estis la profesia laboro de la ĵurnalisto-gvidanto. Kritikataj estis malglataĵoj en la rilatoj laboraj kaj financaj, ..." DK: *Oni laŭdis la profesian laboron aŭ (Laŭdiĝis la profesia laboro) de la ĵurnalisto-gvidanto. Oni kritik(ad)is malglataĵojn* aŭ *(Kritikiĝadis malglataĵoj) en la rilatoj laboraj kaj financaj ...*
e) Interesa estas la jena periodo: "Komence ne estis kvorumo, sed kiam ĝi poste kolektiĝis, ĉiuj antaŭe faritaj decidoj estis ratifitaj". Ĉi-ekzemple la tempa referenco estas la momento de la efektiviĝo de la kvorumo; do, anstataŭ "estis ratifitaj" decus estis ratifotaj. Se oni argumentas ke en la momento de la redaktado de la informo por la revuo de UEA, jam la decidoj troviĝis ratifitaj, vere pli ekzakta estus DK: "…*estontis ratifitaj*". Ĉi-kaze oni renkontas ankaŭ la formon "*estis poste –ita*"

***

**Aliaj ekzemploj, en kiuj la participoj funkcias nur kiel adjektivoj**
I) „S-no AB estis elektita prezidanto"
Preferinda aŭ alternativa formo laŭ Kalocsay: *S-no AB rezultis elektita prezidanto*. Oni sugestis ankaŭ "*estiĝis elektita*", sed ĉi-lasta estas tro artefarita.
II) „La pordo estis fermita aŭ fermata dum la tuta mateno"
Preferinda estas: *La pordo statis aŭ restis fermita dum la tuta mateno.*
III) „Hodiaŭ mi estas tre okupita aŭ okupata"
Preferinda: *Hodiaŭ mi statas tre okupita*. Ĉar la stato de okupiteco ankoraŭ daŭras, t.e. en la momento de la deklaro.

**Notoj**
1. Esperanto, oktobro 2002, paĝo 206.
2. La formojn kunmetitajn (ekzemple: "mi faradis, mi estis farinta ..." kaj ceterajn) oni devas uzi sole tiam, kiam la senco ĝin necese postulas." Lingvaj respondoj. 108.

*Félix García Blázquez,*
<*felixgarciablazquez@hotmail.com*>

# Johano Bachrich (1921-2005)

La 28-an de februaro 2005 en Karakaso forpasis la eminenta venezuela esperantisto *Juan Eduardo Bachrich*.
Li naskiĝis la 30-an de aprilo 1921 en Vieno (*Johann Eduard Bachrich*) kaj lernis E-on en 1938 en Zemun, Jugoslavio. En 1937 li konatiĝis en Zagrebo kun *Ivo Lapenna*, kaj ekstudinte en 1940 en Budapeŝto li dum mallonga tempo kunlaboris kun la tieaj esperantistoj. En 1948 Bachrich elmigris al Venezuelo, kie li tuj komencis informi pri E-o per publikaj prelegoj kaj gazetartikoloj. Li fariĝis la motoro de *Venezuela E-Asocio*, kiu estis fondita en 1912. En 1975 VEA estis leĝe registrita kaj li fariĝis ĝia ĝenerala sekretario. En UEA li membriĝis jam en 1937 kaj ekde 1952 li estis loka delegito kaj fakdelegito pri plantkulturado. Kiel peranto de UEA li funkciis de 1974 ĝis 2001.



*Johano Bachrich (maldekstre) dum la 5-a TAKE en 2001 Meksiko*

Li estis membro de la Komitato de UEA 1992-1998, observanto 1978-82 kaj denove ekde 1998 ĝis sia forpaso. Johano Bachrich estis reprezentanto de ILEI en Venezuelo ekde 1987 kaj li estis ankaŭ komitatano. En 1992 li lanĉis la ideon pri amasa instruado de E-o per televido. Por atingi tiun celon li kontribuis al la realigo de la projektoj "*Mazi en Gondolando*" kaj "*Esperanto: Pasporto al la tuta mondo*". En la Tel-Aviva UK en 2000 la Komitato de UEA distingis lin per honora membreco de la Asocio.

## *El la landoj kaj sekcioj…*

## Hungario

**La 21-aj Pedagogiaj Tagoj**

La 19-an kaj 20-an de februaro 2005 okazis la 21-aj Pedagogiaj Tagoj en Budapeŝto kun partopreno de 61 hungariaj kaj 7 eksterlandaj gekolegoj.
La unua tago komenciĝis per gratulo al sinjoro *Ferenc Jáki*, kiu estas ekzamenanto pri E-o en la Fremdlingva Pliperfektiga Centro jam de 40 jaroj, kaj kiu pasintjare fariĝis 85 jara.
*Pálma Salomon-Csíszár* konigis la plej freŝajn statistikajn rezultojn koncerne la lingvoekzamenojn. Kvankam la nombro de ekzameniĝantoj daŭre kreskas, la pli granda parto venas al la ekzameno terure malbone preparita. Dum la mezgrada skriba lingvoekzameno en 2004 sukcesis nur la 29 %-oj de la kandidatoj. El 2623 lernantoj 1039, sekve preskaŭ 40 %-oj atingis 0 poenton en minimume unu el la taskoj. La plej grandan problemon kaŭzas la tasko "traduko el la hungara al Esperanto". La preleginto emfazis, ke la tempo dediĉita al la lernado de E-o estas tro malmulta, oni devus pli multe okupiĝi, interalie, pri tradukekzercoj, legado de gazetartikoloj, instruo de vortar-uzado. Dum la prelego estis disdonita materialo pri la plej oftaj eraroj.
*Imre Szabó* raportis pri la buŝa ekzameno. Tie la plej grandan problemon kaŭzas TIMO, kiu ofte malhelpas la lernantojn ekparoli, montri kion ili fakte scias. Li diskonigis, ke estas ebleco por instruantoj partopreni dum la buŝa ekzameno por akiri spertojn, kaj surbaze de tio fari poste prov-ekzamenojn por siaj lernantoj. Li diris, ke estus grave, ke la lernantoj precize sciu kio okazas dum la ekzameno
La laboro de ILEI-sekcio komenciĝis per la salutvortoj de *Renato Corsetti*, prezidanto de UEA. Poste prezentis sin al la publiko la estraro de ILEI, kaj

la membroj konigis sian laboron. Sekvis raporto de la hungara sekciestro pri la pasinta jaro, estis raporto ankaŭ pri la pasintjaraj du Pedagogiaj Tagoj. *Márta Kovács* petis apogon de ILEI-HU por pliperfektiga kurso de abiturientaj ekzamenantoj pri Esperanto.

La asembleo de la ILEI-sekcio finiĝis per vigla debato. Estis pridiskutita la problemo, ke la lernantoj ne uzas E-on post la trapaso de lingvoekzameno, ofte ili eĉ ne scias pri la uzebl~~ec~~o de la lingvo. Ĉi-rilate estis emfazita la respondeco de la instruantoj. Estis, kiu asertis, ke esperantisto ne fariĝas, sed naskiĝas. Aliaj opiniis, ke ŝanĝiĝis la intereskampo de la homoj, dum la kluboj malpleniĝas, la E-agado en Interreto floras.

La estraranoj de ILEI prezentis du interretajn servojn: *Hokan Lundberg* parolis pri la projekto *Lernu!*, kaj *Radojica Petrovic'* prezentis la projekton *InterKulturo*. Poste oni povis propraokule vidi la prezentitajn programojn en la komputila ĉambro.

*Márta Kovács* prelegis pri la nova abiturienta sistemo enkondukita en 2005. Abituro pri lingvoj ekde nun estos deviga, kaj inter la elekteblaj lingvoj estas ankaŭ E-o.



*La estraro kun s-ro Corsetti kaj kelkaj hungaraj membroj de ILEI*

*Géza Kurucz* prezentis malfacilaĵojn en E-o por hungaroj, li emfazis, ke oni provu eviti hungarismojn. Fine de sia prelego li disdonis mallongan traduk-ekzercon, kiun oni priparolis komence de la dimanĉa programo.
*László Vizi* prezentis sian metodon por efike instrui tradukadon. La publiko povis ekkoni la utilecon de tiu metodo tradukante kelkajn ekzemplofrazojn, partoprenante kvazaŭ kiel lernantoj dum studhoro.

Dimanĉe kun la gvido de *Márta Kovács* ni traktis la estonton de la hungaria E-instruado. Unue ni kolektis la terenojn kie E-o estas instruata, poste ni traktis la problemojn, kaj fine estis proponitaj ankaŭ eblaj solvoj.
La programo pluiris per gruplaboro; la 4 grupoj partoprenis po duonhorajn diskutojn sinsekve kun la 4 temgvidantoj. Ni pritraktis la demandojn: Kiel akiri opiniojn de niaj lernantoj pri nia instrumetodo? Kiel okupiĝi pri diverskapablaj gelernantoj? Kiel instrui, instigi al pensado en Esperanto? Gramatikaj problemoj en la instruado de Esperanto.
La lasta programero estis la prezento de novaj studmaterialoj de *Oszkár Princz* kaj *László Szilvási*.
La sekvaj, 22-aj Pedagogiaj Tagoj okazos la 15-an kaj 16-an de oktobro 2005, en Budapeŝto!
Pli detalan raporton vidu ĉe: <*http://www.ilei.info/hungario/pt.php*>

*Pálma Salomon-Csíszár*
<*cspalma@freemail.hu*>

## Italio

**KIREK furoras**

KIREK (KomputIl-Reta E-Kurso) estas interreta senpaga kurso pri E-o per kiu, dum la lastaj jaroj, ĉiam pli ofte homoj alproksimiĝas al la internacia lingvo.
La ĉefideo de la kurso estas provizi al la kursanoj korektanton, tiel ke ili havu personan kontakton kun sperta instruisto, kiu povas ilin gvidi. Multaj aktivaj italaj esperantistoj esperantiĝis ja per la kurso KIREK.
Post 6 jaroj de la unua versio (1997), Itala Esperantista Junularo (IEJ), kun la helpo de Itala E-Federacio (IEF) kaj de la itala sekcio de ILEI, finpretigis novan version de KIREK, kiu ekfunkciis de septembro 2003. Sed de februaro 2005 la kurso iĝis ankoraŭ pli alloga (pli ol mil kursanoj!) kaj iom pli facila.
La kurso konsistas el dek lecionoj, faritaj per html-paĝoj. Ĝi enhavas ankaŭ interretan sistemon por ke la atribuado de la kursanoj al la korektantoj estu

aŭtomata, laŭ kriterioj de loĝloko kaj aĝoj de la kursano kaj de la korektanto.

Tiuj kiuj interesiĝas pri la afero (aŭ italoj kiuj volas iĝi korektantoj), demandu: *Francesco Maurelli, kirek-administranto* <*kirek@esperanto.it*>

*Informis Luigia Oberrauch Madella*
<*silkovojo@aliceposta.it*>

## Pollando

**ILEI iĝis oficiala patrono de pola lernejo**

En la Publika Elementa Lernejo de ĈAJOVICE (apud Krakovo), en kiu lernas E-on ĉiuj infanoj, pluraj instruistoj kaj gepatroj, okazis la 16-an kaj 17-an de aprilo 2005 komuna E-Konferenco de la Pola Sekcio de ILEI, la Studenta Scienca E-Rondo de Jagelona Universitato en Krakovo, la Direkcio de la lernejo en Ĉajovice kaj la loĝantoj de la vilaĝo (niaj gastigantoj). Krome, partoprenis ĝin reprezentantoj de la vilaĝestro, de Krakova Societo Esperanto, de la vojevodia filio de Pola E-Asocio en Krakovo, de la E-Klubo de Krzeszowice, ĉajovicaj instruistinoj kaj lernantoj, la direktorino kaj infanoj lernantaj E-on en la bazlernejo de la apuda vilaĝo Bębło, entute pli ol 80 personoj.



La plej grava evento de la konferenco estis la subskribo de *Interkonsento inter la lernejo de Ĉajovice kaj ILEI*, laŭ kiu ILEI iĝis oficiala patrono de la lernejo.
Niaj neesperantistaj kunkonferencanoj aprezis la riĉecon de la programo, kiu konsistis el elementoj

- *didaktikaj* - lecionoj gvidataj i.a. de *Edward Malewicz*, aŭtoro de E-lernolibroj, prezento de interesaj lingvoinstruistaj spertoj de instruistinoj de la ĉajovica lernejo;
- *lingvaj* – pri la novaj tendencoj en la evoluo de E-o kaj pri lingvaj subtilaĵoj. La programero estis prizorgata de membroj de la Lingva Komisiono de la Pola Sekcio de ILEI. Estis prezentitaj ankaŭ prelegoj pri E-o (en la angla lingvo) preparitaj de studentoj de Jagelona Universitato por la neesperanta internacia studenta festivalo en Ilmenau, Germanio, en majo 2005.
- *konkursaj* – konkurso por infanoj pri scio de E-o kaj kvizo de *Piotr Nosek* pri malmulte disvastiĝintaj lingvoj;
- *artaj* - teatraĵo „Maria Skłodowska-Curie” de la krakova aktorino Jadwiga GIBCZYŃSKA, konata al diverslandaj esperantistoj; koncerto de la Esperanta Kant- kaj Muzikensemblo „KAMEA” el Krakovo; arta programo de la lernantoj el Ĉajovice;
- *turismaj* – vizito de la apudlerneja fama historia „Kaverno de la reĝo Ladislao Łokietek” kaj duontaga ekskurso en la apuda Nacia Parko de Ojców kun kalkrokaj formoj imitantaj diversajn konstruaĵojn kaj naturajn objektojn. En unu el la du vizititaj vilaĝoj maljuna neesperantista pastro katolika celebris eksterordinaran sanktan meson kun esperantaj elementoj. Granda surprizo estis por ni prediko pri la rilato al E-o de Johano Paŭlo II kaj lia instruo. La prediko emfazis grandegan neceson disvastigadi E-on kaj la universalajn valorojn reprezentatajn de la lingvo (kiujn forte akcentas en sia eduka laboro la pedagogoj de la ĉajovica lernejo) ne timante la neeviteblajn obstaklojn. Alia surprizo estis preĝo speciale verkita de la pastro i.a. por disvastiĝo de E-o en la regiono kaj por fortoj de la E-agantoj. La diservon partoprenis ankaŭ vilaĝanoj neesperantistaj.

La centra motivo de la konferenco estis la *homaj universalaj valoroj*, kiujn lernado de E-o enkondukas en lernejon. Tiun programeron gvidis pedagogoj de la lernejo. Kune kun la instruistinoj la lernantoj decidis pri nova solidareca kaj helpa ago rilate al maljunaj, solaj personoj. Malgranda

ruĝa koro sur la ringa fingro de ĉiuj partoprenantoj [*vidu la foton sur p. 31.*] estis la simbolo de la nova bon-faro de la lernantoj. En tiu lernejo oni amas la infanojn kaj la efiko videblas.
La plej proksimaj E-aktivaĵoj de la ĉajovicaj lernantoj:
*5 majo* – partopreno en la prestiĝa vojevodia fremdlingva arta konkurso „Pli proksimen al la mondo";
*7 majo* – leciono pri Japanio kun japana E-instruisto, *Yas Kawamura*, Ĝenerala Direktoro de E-Populariga Asocio, redaktoro de „Nova Vojo";
*9 majo* – prezento de arta programo en la E-Teatro „Areno" gvidata de *J. Gibczyńska* en la krakova urbocentro.

*Maria Majerczak*

# Edukado al Paco
## en la Jardeko por Kulturo de Paco de Unesko

***Daŭrigo de la subskribkampanjo Manifesto 2000***

**MANIFESTO 2000 POR KULTURO DE PACO KAJ SENPERFORTO** estis verkita de ricevintoj de la pacpremio Nobel kaj publikigita en Parizo la 4-an de marto 1999. Ĝi celas disvastigi la respondecon pri la kulturo de paco je la nivelo de individuoj – ĝi ne estas alvoko aŭ peto direktata al superaj instancoj. Ĉiu homo havas la respondecon apliki al la realo la valorojn, la sintenojn, kaj la kondutojn, kiuj estas ĉe la bazo de la kulturo de paco, ĉar ĉiu povas agi por ĉi tiu celo en la kadro de sia familio, de sia loĝ-loko, de sia urbo, de sia lando-parto, de sia lando kaj tiel ĉiu helpos senperforton, toleron, dialogon, repaciĝon, justecon kaj solidarecon en la ĉiutaga vivo.

Lerni E-on en si mem estas edukado al paco. La lingvo, relative facile lernebla, estas "genia sintezo de la grandaj kulturaj hindeŭropaj lingvoj" (*A. Meillet*). En dialogo ekz. inter du esperantistoj ambaŭ konversaciantoj jam faris gravan paŝon renkonten al la alia pro la nura lernado de fleksebla lingvo kun nehindeŭropaj trajtoj: la neŭtraleco de E-o estas ankaŭ lingva.
Esperantistoj havas pli ol lingvon aŭ kulturon komunan, ili ĉiuj libere decidis akiri la lingvon kaj kulturon neŭtralajn. Kiam du esperantistoj renkontiĝas, ambaŭ laŭiris duonon de la vojo renkonten al la alia. Tio ja estas ŝlosilo de edukado al la paco.

## *MANIFESTO 2000 POR KULTURO DE PACO KAJ SENPERFORTO*

*Konsciante pri mia parto de respondeco antaŭ la estonto de la homaro, kaj tute aparte de la hodiaŭaj kaj morgaŭaj infanoj, mi devigas min en mia ĉiutaga vivo, mia familio, mia laboro, mia komunumo, mia lando kaj mia loĝ-loko:*

***respekti la vivon** kaj la dignon de ĉiu homo sen diskriminacio kaj sen antaŭjuĝoj;*

***praktiki aktivan senperforton**, rezignante pri perforto en ĉiuj ĝiaj formoj: fizika, seksa, psiĥologia, ekonomia kaj socia, precipe rilate al la plej malriĉaj kaj la plej vundeblaj kiel infanoj kaj adoleskuloj;*

***kundividi mian tempon kaj miajn materiajn rimedojn**, praktikante malavarecon por haltigi forpuŝadon, maljustecon kaj politikan kaj ekonomian subpremon;*

***defendi la esprim-liberecon kaj la kulturan malsamecon**, ĉiam favorante aŭskultadon kaj dialogon kaj ne cedante je fanatikeco, mensogado kaj malakcepto de aliaj homoj;*

***favori respondecan konsumadon kaj evoluon**, kiuj konsideras la gravecon de ĉiuj vivo-formoj kaj konservas la ekvilibron de la naturaj rimedoj de nia planedo;*

***kontribui al la evoluo de mia komunumo**, kun plena partopreno ankaŭ de virinoj kaj kun respekto de la demokratiaj principoj, cele al kuna kreado de novaj solidarec-formoj.*

Ni esperantistoj povas kaj devas klarigi tion al la ne-esperantistoj. Ni havas taŭgan ilon por tio: MANIFESTO 2000, lanĉita de Unesko, kies celoj ĝenerale kongruas kun la niaj kaj kies priskriboj ne estas tro radikalaj sed tamen povas esti tre efikaj (se homoj sin devigas ne uzi perforton, transdoni siajn superfluaĵojn, ŝpari energion k.t.p. la homaro profitos el tio).

Subskribigante neesperantistojn nome de ILEI ni havos okazon:
– mencii E-on ne trude sed kvazaŭ hazarde;
– demonstracii la similecon de celoj (fariĝante iom pli ordinaraj homoj);
– pruvi al la ekstera mondo (unue al UNESKO) ke ni pensas ne nur pri E-o.

La celo de UNESKO estas atingi 100 000 000 da subskriboj en la unua jardeko de la 21-a jarcento. Post la unuaj subskriboj de Dalai Lama, M. Gorbacev kaj E. Wiesel oni kolektis jam iom pli ol 75 000 000 da subskriboj. ILEI helpu la centon de aktivaj Ne-Registaraj Organizaĵoj kiuj efektive kunlaboras kun UNESKO atingi la celon. Vi nur bezonas (minimume) du foliojn da papero: tekston de MANIFESTO 2000 en E-o aŭ en oficiala lingvo de UNESKO kaj pecon da papero sur kiun vi povas skribi nur:

**La subskribantoj aprobas Manifeston 2000 kaj sin devigas pri la ses punktoj.**

Ĉiu subskribanto devas doni indikojn pri: *nomo propra, nomo familia, naskiĝdato, loĝloko, lando, dato, subskribo.*

*Rimarkoj:*

– Se iu forgesas pri sia naskiĝdato ne tre gravas,

– Oni ne subskribu, se oni jam subskribis ĉu rete, ĉu papere nome de ILEI aŭ alia asocio,

– Oni indiku unu kaj nur unu landon: la komputilo alimaniere rifuzas akcepti la subskribojn.

– Tekston de la MANIFESTO 2000 vi trovos rete ĉe:
*http://www.uea.org/agadoj/projektoj/manifesto2000.html aŭ*
*http://www3.unesco.org/manifesto2000/*

Post kiam vi ne plu havos okazon kolekti subskribojn (aŭ de tempo al tempo) sendu la folio(j)n al:

*J-P Boulet, 17 Rue de la Dordogne, FR-63-800 Cournon d'Auvergne, Francio.*

Se vi bezonas konfirmon aŭ atendas respondon al starigita demando b.v. aldoni adresitan koverton kun internacia respondkupono. Mi esperas ke pro via laboro ILEI baldaŭ elstaros kaj inter la esperantistaj asocioj kaj inter la NROj kiuj kunlaboras kun UNESKO por edukado al la paco profite al la infanoj de la mondo. Amike mi kuraĝigas vin:

*J-P Boulet,*
*reprezentanto de ILEI ĉe Unesko*

# Por via notlibro

**Matematikista traduka helpo bezonata**

La programo „Interaktiva Reta Matematiko” estas senpaga (sed profesia) interreta program-servo, kiu ebligas al studentoj de mezlernejoj kaj universitatoj ekzercadon de matematikaj taskoj, kontroladon de rezultoj kaj mezuradon de la aktuala scio-nivelo. Por uzi la servon oni bezonas nur ordinaran interret-krozilon. La populara retejo inkluzivis la uzadon ankaŭ de E-o, sed por plia esperantigo oni bezonas tradukan helpon de volontulaj fakuloj matematikistoj-esperantistoj, scipovantaj la anglan.
Adreso: <*http://wmi.math.u-szeged.hu/wmi/ui/init/index.html*>

**La 36-a Internacia Infana Kongreseto** okazos **en Vilno** julie, paralele kun la UK, kun engaĝiĝo de ILEI. Aliĝis jam pli ol 20 infanoj el deko da landoj, do la okaziĝo estas certigita. Aliĝoj estas ankoraŭ bonvenaj ĉe la vic-prezidanto (vidu p. 2).

***

Lingva Festivalo, prezentado de E-projektoj (ekz.: Sokrates/Komenius en Italio, Bixad), prelegoj de spertaj pedagogoj pri naciaj lingvaj stereotipoj, profesia edukado, interesaj ekskursoj por konatiĝi kun Kaunas kaj ĝia ĉirkaŭaĵo kaj ĉefe la eblo interŝanĝi spertojn kun viaj instruistaj kolegoj. Kiam? Dum **la 38-a ILEI-Konferenco en Kaunas** (Litovio) inter la 30-a de julio kaj la 5-a de aŭgusto 2005.
Pliajn informojn vi trovos en la ILEI-hejmpaĝo ĉe *http://www.ilei.info*. Paperan aliĝilon vi trovas ĉe *http://www.ilei.info/novajxoj/ilei-afisxo.pdf*. Eblas ankaŭ rete aliĝi: *http://www.ilei.info/konferenco/alighilo2005.php*.

***

**La ĝusta kontonumero** de ILEI en Svedio: 8327-9, 994 515 014-3 ĉe Föreningssparbanken. El aliaj landoj pagu al IBAN SE56 8000 0832 7999 4515 0143 kun BIC/SWIFT kodo SWEDSESS. Aldonu 6 eŭrojn por svedaj bankokostoj se vi pagas el ekster Eŭropa Unio.

Kontaktadreso de nia kasisto: Sjoerd Bosga, *Tråddragargatan 27D, SE-723 37 Västerås, Svedio. Tel.: (+46 21) 41 70 45, sjoerd@esperanto.se*.

Informoj pri la Konferenco: Atilio Orellana Rojas, *iei001@tiscali.nl*



**INTERKULTURA CENTRO HERZBERG**
GERMANA ESPERANTO-CENTRO, KULTURCENTRO DE UEA
DE-37412 Herzberg/Harz, Grubenhagenstr. 6. Tel: +49/(0)5521-5983
*www.ic-herzberg.de. esperanto-zentrum@web.de*

## PEDAGOGIAJ TAGOJ EN GERMANIO (1-3 oktobro, 2005)
## UEA/ILEI kaj GEA/GEI ekzamenoj, Postkonferenco (4-5. okt, 2005)

- *Fakprelegoj de spertaj instruistoj, pedagogoj, kursgvidantoj*
- *Fakkursoj pri situacia instruado (S. MacGill), Cseh instruado*
- *Konsultiĝo pri gravaj demandoj de E-instruado en Germanio*
- *Spertinterŝanĝo: instrumetodoj, instrumaterialoj, varbado, instruspertoj*
- *GEI kaj ILEI-ekzamenoj*

Organizantoj: **GEA/GEC** (Germana E- Centro, klerigejo de GEA) kaj **ILEI**

***PROGRAMO***

**31.09.2005.** (vendredo): alventago, bonveniga kaj interkona vespero
**01.10.2005.** (sabato): malfermo, fakaj prelegoj, kursoj pri situacia instruado kaj Cseh instruado, distra vespero, aŭkcio de Esperanto-libroj
**02.10.2005. (**dimanĉo): fakaj prelegoj, spertinterŝanĝo, organiza sesio por tutlanda pedagogia kunlaboro, metodikaj kursoj, urborigardado en Herzberg, kultura programo; instruista bazaro
**03.10.2005: (**lundo, festotago en Germanio): prelegoj, metodikaj kursoj kun konkludaj prezentoj, pritakso, diskuto pri estonta E-instrulaboro en Germanio, fermo, ekskurso por neforirantoj; antaŭtesto por ekzamenoj

### POSTKONFERENCO (senpaga)

2 kromaj tagoj por ekzamenoj, migrado en la Nacia Parko Harz
**04.10.2005:** (mardo): **UEA/ILEI** kaj **GEA/GEI ekzamenoj**
observado de instruhoroj en planata E-kurso en Herzberg
ekskursofertoj en la Harz-regiono (ekz. Lonau, Sieber)
**05.10.2005**: (merkredo): vizito al banlokoj (Bad Lauterberg, Bad Sachsa)

---

### ALIĜILO POR LA PEDAGOGIAJ TAGOJ (01-03/05 oktobro, 2005)

Nomo, antaŭnomo: s-ro/s-ino …..……………………………………........................
Strato/numero: ……………………………………….. Poŝtkodo: ………..…...
Urbo: …………………………………… Lando: ...……………………………
Tel:……………………………….. Retadreso: ……………………..…..……..
Mi partoprenos la tagojn: £ 30 ve £ 01 sa £ 02 di £ 03 lu £ 04 ma £ 05 me
Mi estas membro de GEA £ , membro de ILEI £
Mi aliĝas al GEA/GEI ekzameno pri lingva kapableco (30€) £
Mi aliĝas al UEA/ILEI ekzameno: elementa nivelo £ meza nivelo £

# Fakprelegoj, kursoj, konsultiĝo

CELO: pluklerigado de E-instruistoj, kursgvidantoj; prezentado de novaj metodoj, instrumaterialoj, instruhelpiloj; forumo por spertinterŝanĝo, pritrakti la plej gravajn punktojn de E-instruado en Germanio

FAKAJ PROGRAMOJ: Fakprelegoj de spertaj E-istoj, instruistoj, pedagogoj kursoj laŭ modernaj metodoj gvidataj ekz. de Stefan MacGill (ILEI).

Partoprenantoj prezentos proprajn metodojn, kunportitajn instrumaterialojn.
EKZAMENOJ: laŭdezire okazos ekzameno pri lingva kapableco (GEA/GEI), kaj elementa kaj meza ekzamenoj (UEA/ILEI). Aliĝdato: 01.07.2005

LOKO: Herzberg am Harz (meza Germanio, en la Harz-montaro).
LOKAJ SERVOJ: senpaga uzo de E-biblioteko, gazetarkivo, vidbendkolekto, modernaj teknikaĵoj por prelegoj, prezentado.

LIBROSERVO: aĉeteblo de libroj, instrumaterialoj, ktp.

MANĜADO: memzorgante en Herzberg; en ICH eblas uzi la gastkuirejon
TRANOKTADO: laŭ deziro ni rezervos lokojn en favorprezaj lokaj tranoktejoj

| KOTIZOJ* (EUR): | <10.06.2005 | <31.08.2005 | >01.09.2005 |
|---|---|---|---|
| Partoprenkotizo: | 35 | 40 | 45 |
| -GEA membro | 30 | 35 | 40 |
| -ILEI membro/junulo <26j | 25 | 30 | 35 |

*sen loĝado, manĝado, dumekskursaj enirbiletoj

PAGO: La kotizon bv. sendi: E-o Gesellschaft Südharz, Sparkasse Herzberg/Harz, IBAN-n-ro: DE28 2635 1015 0101 4579 27, SWIFT/BIC-kodo: NOLADE21HZB

**ALIĜO / INFORMOJ:** " *www.esperanto-zentrum.de*, ( +49/(0)5521-5983
Interkultura Centro Herzberg, DE-37412 Herzberg/Harz, Grubenhagenstr. 6
**Zsófia Kóródy**, GEA-komisiito por instruado *zsofia.korody@esperanto.de*

---

Mi mendas tranoktadon en

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ICH : | (<26j) 5 € | 10€: | £ 30ve | £ 01sa | £ 02di | £ 03lu | £ 04ma | £ 05me |
| privatgastejo | | 15-18€: | £ 30ve | £ 01sa | £ 02di | £ 03lu | £ 04ma | £ 05me |
| hotelo Goldener Hirsch | | 26€: | £ 30ve | £ 01sa | £ 02di | £ 03lu | £ 04ma | £ 05me |
| hotelo Englischer Hof | | ĉ.35€: | £ 30ve | £ 01sa | £ 02di | £ 03lu | £ 04ma | £ 05me |

Mi aliĝas al GEA/GEI ekzameno pri lingva kapableco (30€) £
Mi aliĝas al UEA/ILEI ekzameno: elementa nivelo £ meza nivelo £

Dato: ………………… Subskribo: ………………………….…………

IPR 05/2Ø38